20a Jaro - No 2 (204) MONATA REVUO Februaro 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj :
LÉON CHAMPY
FRANS SCHOOFS
AMATUS VAN DER BIEST
J. VAN LAERE
OSCAR VAN SCHOOR

Direktoro : FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por anoncoj sin turni al : H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO

Pagoj al Poŝtĉeko 1336.67 de Belga Ligo Esperantista.

JARA KOTIZ-ABONO
Fr. 30

Kun Jarlibro U E A : Fr. 45
Kun Abono „Esperanto" : „ 70
Kun Subtenanta kotizo al U E A : „ 200

## LA REĜO MORTIS.

Tiel sonis tra la aero kaj flugis de buŝo al buŝo, la matenon de tiu dimanĉo, 18an de Februaro, la konsterniga novaĵo.

La Reĝo-soldato, la Reĝo-kavaliro, la Reĝo-homo ne plu estas.

La antaŭan tagon, akompanata de unu servisto, li forveturis el la ĉefurbo per aŭtomobilo por fari ekskurson, kies celo estis vizito al la rokoj de Marche-les-Dames apud la riverego Mozo, je deko da kilometroj de Namuro. Antaŭ ol reveturi al Bruselo, kie li estis atendata posttagmeze, li volis ankoraŭ surgrimpi sola iun iom akran rokpinton. Li foriris... sed ne plu revenis. Nur je la dua horo matene oni retrovis la senvivan reĝon. La supro de lia kranio prezentis larĝan kaj tre profundan vundon. Alveninte sur la rokpinto li apogis sur ŝtono, kiu ŝajnis al li firmtena, sed kiu forglitis kuntrenante lin en la profundaĵon.



Tuj la korpo estis transportata al la Kastelo de Laeken, de kie la sekvantan tagon vespere, je torĉlumo, ĝi estis kondukata al la reĝa palaco de Bruselo inter du spaliroj de eksmilitintoj.

Du tagojn kaj unu nokton, senĉese pli ol kvincent mil civitanoj ĉiurangaj trapasis la mortoĉambron por lastan fojon vidi sian reĝon.

Jaŭdon, la 23an, centmil el liaj kunmilitanoj, invalidoj, militvidvinoj kaj orfoj paradis dum tri horoj antaŭ lia ĉerko sendante al li sian lastan kaj plej altan honorsaluton.

Tiam, sekvata de siaj du filoj kaj bofilo, akompanata de multaj eksterlandaj regnestoj kaj oficialaj reprezentantoj, de la standardoj kaj delegacioj de ĉiuj belgaj regimentoj, kaj de la reprezentantoj de ĉiuj naciaj institucioj, li estis portata al la familia tombejo en la preĝejo de Laeken tra la ĉefurbo, kie sin trovis neimageble multnombra homamaso impone silenta.

Oni povas diri, ke dum tiu funebra soleno la koro de la tuta lando ĉesis bati, tiel dezertaj estis ĉiuj aliaj urboj kaj vilaĝoj.

Tiuj, kiuj ne estis en Bruselo, sidis dum ses horoj antaŭ radioaparato, per kiu ili detale povis sekvi la lastan triumfan veturadon de la nobla monarĥo, sed ne unu ne ploris. Sur la larmoj de ĉiuj, Alberto la Unua majeste glitis en la koron de ĉiuj belgoj, kiuj fiere gardos lian karan memoron nepereeblan.

El la tuta mondo alvenis al la Reĝino, al la Reĝa familio, al la registaro kaj al la belga popolo plej koraj esprimoj de kunsento en la funebro, kiu tiel kruele sortobatis nian landon. Tiu universala elmontro de admiro kaj simpatio rivelis vere, kia perdo estas por Belgujo la morto de la brava, bona kaj, super ĉio, simpla reĝo Alberto.

—

La Esperantistoj danke memoras ke la formortinta reĝo favoris la Esperanto-movadon akceptante la titolon de alta protektanto de la 7a kaj 20a Universalaj Kongresoj okazintaj en Antverpeno en la jaroj 1911a kaj 1928a, kaj de la internacia Esperanto-Semajno de Gento en 1913. Ili ankaŭ ŝuldas al li la permeson, ke la Duko de Brabanto, nia nuna reĝo, akceptu la honoran prezidantecon.

—

La 18an de Februaro, Belga Ligo Esperantista sendis jenan telegramon :

*Princo Leopold, Duko de Brabanto,*
*Honora Prezidanto de Belga Ligo Esperantista*
*BRUSELO.*

*Belga Ligo Esperantista respektplene prezentas al vi siajn plej elkorajn kondolencojn je la dolora sortobato kiu tiel kruele forrabas de vi vian karan patron, nian amatan reĝon Albert, kies subitan perdon nun priploras lia tuta popolo. Petas transdoni la profundajn sentojn de granda simpatio de la belgaj esperantistoj al via patrino ŝia moŝto la reĝino kaj al la tuta reĝa familio.*

*La Prezidanto,*
*Frans SCHOOFS.*

---

Belga Ligo Esperantista dankas ĉiujn eksterlandajn samideanojn kiuj en tiuj dolorplenaj tagoj havigis al ĝi la esprimon de sia simpatio.

---

La mortinto estis la tria reĝo de la belgoj. Princo Alberto naskiĝis en Bruselo la 8an de Aprilo 1875a. Lia patro estis la plijuna frato de la tiama reĝo Leopoldo II. Pro la morto, unue de la sola filo de ĉi tiu, kaj poste de sia propra pliaĝa frato li iĝis la heredonto de la trono. La 2an de Oktobro 1900 li edziĝis je la Dukino Elizabeto de Bavarujo. Al la princa paro naskiĝis tri infanoj : en 1901 Leopoldo, Duko de Brabanto, en 1903 Karolo, Grafo de Flandrio, kaj en 1906 Princino Marie-José.

Je la morto de sia onklo, la 17an de Decembro 1909, li iĝis Reĝo de la belgoj. Ĉio ŝajnis antaŭvidigi por li trankvilan kaj feliĉan regnadon, sed la sorto decidis alie. Apenaŭ kvin jarojn poste la plej granda katastrofo el niaj tempoj blovis sur nia lando. Kontraŭ la okazintajoj de Aŭgusto 1914 Reĝo Alberto kondutis simple kaj lojale por konservi al sia lando la honoron. Kvar jarojn li defendis apud la Yser la al li restantan anguleton de la lando, vivante inter siaj kamaradoj de la armeo. Kvar jarojn li estis ilia animo dum li daŭris esti la espero de la Belgoj restintaj en la okupata teritorio. Dum tiu tuta tempo lia edzino, la reĝino Elizabeto, estis apud li fidela kunulino, kiu admirinde alportis al la vunditoj la subtenon de sia neelĉerpebla boneco.

Post la turmento la reĝo, kiel atenta servanto de la Konstitucio, ludis rolon, kiun la lando neniam forgesos. Lia influo eksterlanden konsiderinde servis lian patrujon en la internaciaj rilatoj.

---

La 17an de Februaro 1934 Belgujo perdis grandan reĝon, la mondo veran homon, kies vivo estos citata kiel ekzemplo en la estontaj tempoj

---

**23a BELGA KONGRESO DE ESPERANTO**

**Spa: 19-22 Majo 1934**
(Pentekosto)

REZERVU TIUJN TAGOJN

---

Detaloj aperos en sekvonta numero.

---




LOGEJ-PREZOJ. — Ĉiuj hoteloj, kie ni havigis ĉambrojn por la kongresanoj, estas kontrolitaj de reprezentanto de LKK. Ni konstatis, ke ĉie regas ordo kaj pureco, kaj ke la diferenco inter la hoteloj estas nur komforteco kaj moderneco.

Por ricevi favorajn kondiĉojn LKK interkonsentis kun la hoteloj, ke la kongresanoj devas mendi loĝejon por la tuta kongrestempo (de 4-a Aŭg. tagmeze ĝis 11-a Aŭg. posttagmeze), do por 7 tagnoktoj. Por pli mallonga tempo, ni devos kalkuli je iom pli altaj prezoj.

La ĉi subaj prezoj enhavas pagon por 7-tagnokta loĝo kaj por ĉiuj trinkmonoj. La tuta restado dum la kongresa tempo koncerne loĝon estas kovrita per enpago de decidita mono. Sed neniu manĝo estas enkalkulita. (Matenmanĝo kostas en la hoteloj 1—1.25 sved. kr.)

*Loĝo dum 7 tagoj:* A. Lukshoteloj : 70.— sved. kr.

B. Grandaj hoteloj, kie al ĉiu ĉambro apartenas aparta banĉambro aŭ duŝĉambro kun fluanta varma kaj malvarma akvo : B. 1. ĉambro unulita 49.— sved. kr. B.2. ĉambro dulita 91.— sved. kr.

C. Malgrandaj hoteloj, kie en ĉiu ĉambro estas fluanta varma kaj malvarma akvo : C. 1. ĉambro unulita 42.— sved. kr. C. 2. ĉambro dulita 84.— sved. kr.

D. Malgrandaj hoteloj, sen fluanta akvo : D. 1. ĉambro unulita 35.— sved. kr. D. 2. ĉambro dulita 70.— sved. kr. D.3. ĉambro trilita 84.— sved. kr. D. 4. ĉambro kvarlita 112.— sved. kr.

E. « Hejmo por virinoj ». Ĉambroj kvarlitaj. Malgranda nombro. Prezo 17,50 sved. kr.

F. Loĝo en diversaj ŝtataj aŭ privataj societoj. Ĉambroj 4-ĝis 6-litaj. Limigita nombro. Prezo 17.50 sved. kr.

G. Loĝo en kazerno. Prezo 11.20 sved. kr.

H. Loĝo en privataj familioj. Prezo 21.— sved. kr.

Frua mendo estas rekomendinda, ĉar ni provos havigi la plej bonajn ĉambrojn al la mendontoj. Per frua mendo vi ankaŭ faciligos nian laboron.

ALLOGAJN POSTKONGRESAJN VOJAĜOJN aranĝos Esperanta Turista Komisiono. La Universala Kongreso finiĝos 11 aŭg. Jen la ekskursaj eblecoj :

A. 11—18 aŭg. al Laponio (Kiruna, Abisko, Porjus, Narvik), 1500-kilometra vojaĝo norden de Stokholmo, manĝo, loĝo, gvidado, trinkmono. Prezo proks. 150 sved. kr. Limigita nombro.

B. 11—15 aŭg. al Jemtland (Are, Trondheim), 900-km. nordokcidenten de Stokholmo, vojaĝo, manĝo, loĝo, gvidado, trinkmono. Prezo proks. 80 sved. kr.

C. 11—15 aŭg. al la insulo Gotland (Visby), vojaĝoj, manĝo, loĝo, gvidado, trinkmono, en la plej malkara klaso 35 sv. kr.

ANTAŬKONGRESOJ. — a. Malmö (Svedujo). — b. Gotenburgo (Svedujo). — c. Oslo (Norvegujo).

POSTKONGRESOJ. — a. Tallinn (Estonio). — b. Helsinki

Ĉiu kongresano ricevos informojn kaj aliĝilojn al la koncernaj kongresoj. LOKA KONGRESA KOMITATO.

## La Sekreto de Mastro Kornilo

de **Alph. Daudet.**

*(Fino)*

Fine tamen ĉio malkovriĝis ; jen kiamaniere :

Dancigante la junularon per mia fajfilo mi, iun tagon, rimarkis ke la plej aĝa el miaj filoj kaj Vivette ekamis unu la alian. En mi mem mi tute ne koleris pro tio ĉar, verdire, la nomo de Kornilo estis honorata ĉe ni kaj, plie, tiun belan birdeton, kiu estis Vivette, mi estus ŝatinta vidi kuretanta en mia domo. Sed, ĉar niaj amantoj ofte havis la okazon renkontiĝi, mi volis, por eviti akcidentojn, reguligi tuj la aferon kaj mi supreniris ĝis la muelejo por diri vorteton pri tio al la avo... Ha ! la maljuna sorĉisto ! vidinda estus la maniero per kiu li min akceptis ! Neeble estis igi lin malfermi sian pordon. Mi klarigis miajn motivojn kiel eble plej bone tra la ŝlosiltruo ; kaj la tutan tempon, dum mi parolis, tiu fripona, maldika kato, blovis kiel diablo super mia kapo.

La maljunulo ne donis al mi la tempon por fini kaj li malĝentile kriis al mi, ke mi reiru al mia fluto ; ke, se urĝis, ke mi edzigu mian filon, mi bone povis serĉi knabinon en la vapormuelejoj... Vi komprenu kiom bolis mia sango pro tiuj malbonaj vortoj ; sed mi tamen estis sufiĉe saĝa por reteni min kaj, lasante tiun maljunan frenezulon al la muelejo, mi revenis por anonci mian malsukceson al la infanoj... Tiuj malfeliĉaj ŝafidetoj ne povis akcepti ĝin ; ili demandis min, kiel favoron, la permeson duope supreniri al la muelejo por mem paroli kun la avo... Mi ne kuraĝis rifuzi, kaj prrrt ! miaj amantoj estis for !

Kiam ili tie supre alvenis, Mastro Kornilo ĵus foriris. La pordo estis bonege fermita ; sed, forirante, la maljunulo lasis sian ŝtupetaron ekstere kaj tuj la infanoj havis la ideon eniri tra la fenestro por vidi, kio troviĝas en tiu fama muelejo...

Mirinda fakto ! la muelejĉambro estis malplena... Ne unu sako, ne unu grenero ; eĉ ne polvereto da faruno, nek sur la muroj, nek sur la araneofadenaroj... Oni eĉ ne flaris tiun bonan varman odoron de muelita tritiko, kiu parfumas la muelejojn... La akso estis kovrita per polvo kaj la granda maldika kato sur ĝi dormis.

La malsupra ĉambro havis la saman aspekton de mizero kaj forlaso. Malbona lito, kelkaj vestaĵaĉoj, peco da pano sur ŝtupo kaj, poste, en angulo, tri aŭ kvar krevitaj sakoj el kiuj eliĝis ruboj kaj blanka tero.

Jen estis la sekreto de Mastro Kornilo ! Estis tiuj ruboj,kiujn li promenigis vespere,laŭlonge la vojojn, por savi la honoron de la muelejo kaj kredigi, ke oni en ĝi faris farunon ! Plendinda muelejo, plendinda Kornilo ! De longe la vapormuelistoj forprenis de li la lastan klienton. La brakoj turnis ĉiam, sed la muelejo turnis malplene.

La infanoj revenis plorante rakonti tion, kion ili vidis. Mia koro doloris aŭdante ilin... Sen perdi momenton mi kuris ĉe la najbarojn, mi en du vortoj rakontis al ili la aferon kaj ni aranĝis, ke tuj ni portos al la muelejo Kornilo, la tutan kvanton da tritiko troviĝanta en la domoj... Tuj dirite, tuj farite. La tuta vilaĝo ekvojiras kaj ni alvenas tie supre kun sekvantaro de azenoj ŝarĝitaj per tritiko, — vera tritiko.

La muelejo estis malfermata... Antaŭ la pordo, sidanta sur gipsosako, Mastro Kornilo ploris. Li ĵus rimarkis, enirante, ke dum lia foresto, oni eniris ĉe lin kaj malkovris lian malgajan sekreton.

— Mi malfeliĉa ! diris li. Nur restas nun al mi la morto... Malhonorigita estas la muelejo !

Kaj li ploregis korfendige, nomante sian muelejon per ĉiuspecaj nomoj, parolante al ĝi kvazaŭ ĝi estus persono.

Je tiu momento la azenoj alvenas sur la plataĵon kaj ni ĉiuj ekkrias tre laŭte, kiel dum la bela tempo de la muelistoj :

— Ohe ! la muelejo !... Ohe ! Mastro Kornilo !

Kaj jen, la sakoj amasiĝas antaŭ la pordo kaj la bela greno, kiu disfalas teren, ĉiuflanken...

Mastro Kornilo malfermis grandajn okulojn. Li prenis la tritikon en la kaveto de sia maljuna mano kaj diris, ridante kaj samtempe plorante :

— Estas tritiko !... Sinjoro Dio !... Bona tritiko ! Lasu min, ke mi ĝin rigardu. Poste, sin turnante al ni :

— Ha ! mi bone sciis, ke vi al mi revenos... Ĉiuj tiuj farmistoj estas ŝtelistoj.

Ni volis lin porti en triumfo al la vilaĝo :

— Ne, ne, miaj infanoj ; antaŭe mi devas nutri mian muelejon... Pensu do ! De tiel longe jam ĝi nenion plu ricevis !

Kaj ĉiuj ni havis larmojn en l' okuloj vidante la bonan maljunulon rapidanta dekstren kaj maldekstren, disfendante la sakojn, atentante la muelilon, dum la greno dispremiĝis kaj la delikata tritika polvo supreniĝis ĝis la plafono.

Je nia honoro mi devas diri, ke de tiu tago ni neniam lasis la maljunulon sen laboro. Poste, unu matenon, Mastro Kornilo mortis kaj la brakoj de nia lasta muelejo ĉesis turni por ĉiam, tiun ĉi fojon. Kornilo mortinta, neniu sekvis lin. Kion vi volis, Sinjoro... ĉio havas finon en ĉi tiu mondo, kaj oni devas kredi, ke la tempo de la ventmuelejoj pasis kiel tiu de la vojaĝveturilegoj sur la Rhône, de la parlamentoj kaj de la ĵaketoj kun grandaj floroj.

(Tradukis Lucette FAES-JANSSENS.)

---

**Internacia konkurso por la Junularo.** — « *Kristo kaj la Universala Frateco* ». — Dank' al la bonvolo de amerika kristanino, amikino de paco, S-ino Van Loan de Babylon (Usono) estas kreita fondaĵo, kiu aranĝas konkurson kun temo : « Kristo kaj la Universala Frateco ». Ĝia celo estas helpi al la plivastigo de la paca spirito de internacia amikeco inter la junularo. La konkurson organizas la Junulara Komisiono (fako de la « Universal Christian Council for Life and Work » kaj la « World Alliance for Promoting Friendship through the Churches »). Rajtas partopreni gejunuloj loĝantaj en Eŭropo kaj naskitaj post la 30-a de Aprilo 1914 kaj antaŭ la 1-a de Majo 1920. Teksto en kiu ajn lingvo. La juĝantaro (el diversaj nacioj kaj eklezioj) disdonos pli ol 150 premiojn, el kiuj : unua 300 us. dol., dua 200 us. dol., ktp. Detalaj informoj estas riceveblaj senpage pere de la Sekretariejo de la Junulara Komisiono : Case-Postale N-ro 46, Eaux-Vives, Genève (Svislando). Bonvolu diri ĉu oni deziras ilin en Esperanta, franca, angla aŭ germana lingvo.

## La Kanto de l'forĝisto.

Forĝist' amboson frapis
Jam frue ĝis vesperhor' ;
Frapante ĉiam kantis
Laŭ ĝojo de sia kor'.
Li laŭte kantis
Bato, bato, bat',
Libere kantis
Frapo, frapo, frap',
Li kantis laŭ dezir'
La kanton de la nigra vir'.

Najbaran junulinon
Ektuŝis de l'vir' kantad'.
De l'virgulin' la koron
Batigis martelfrapad'.
La koro batis
Bato, bato, bat'
Ĝi tiel batis
Frapo, frapo, frap'
Dum sonis laŭ dezir'
La kanto de la nigra vir.

« Forĝisto, vi, najbaro,
La kanto ja ĉarmas min ».
« Por vi, por via amo,
Mi volas rekanti ĝin.
Ni kantu kune
Bato, bato, bat',
Ni kantu kune
Frapo, frapo, frap',
Ni kantu laŭ dezir'
La kanton de la nigra vir'. »

Forĝist' kun virgulino,
Edziĝis, feliĉa par' !
Kaj filo aŭ filino
Naskiĝis dum ĉiu jar',
Kaj la gepatroj
Bato, bato, bat',
Kun la infanoj,
Frapo, frapo, frap',
Kantadis laŭ dezir'
La kanton de la nigra vir'.

Flandraj vortoj de F. Liekens.
Muziko de F. Andelhof.
Esperantigita de J. Alofs.

---

**Internacia pedagogia revuo** jam aperas dum pli ol 10 jaroj, raportas pri internacia scienca pedagogio, pri kongresoj kaj laboroj de la internaciaj instruistaj asocioj, pri lernejo kaj instruistaro en la diversaj landoj, pri Esperanto en lernejo kaj instruistaro, pri pedagogiaj kaj esperantaj verkoj, peradas interkorespondadon por instruistoj kaj lernantoj, estas organo de *Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj*. Jarabono por 6 kajeroj kostas (inkluzive la aneco de *Tage)* 2,50 nederlandaj guldenoj. Abonon kaj artikolojn sendu al la administranto P. KORTE, Schoolstraat, 13, VEENDAM (Nederlando).

## BELGA KRONIKO

*La grupoj volu sendi al nia Ĝenerala Sekretario sian koncizan raporton antaŭ la 5a de ĉiu monato, kun sia programo.*

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo de Antverpeno " La Verda Stelo "**, S. s. p. c. — La 3an de Februaro S-ro H. Ginsburg prezentis kelkajn amuzajn filmojn kune kun gramofonmuziko. La ĉeestantoj tre ĝuis la bone prizorgitan prezentadon kaj danke aplaŭdegis S-ron Ginsburg. — Je la 4-a, havis lokon la ĉiujara datrevena festeno, kiu pro neatenditaj cirkonstancoj ne povis okazi en Januaro. Pro la samaj cirkonstancoj ĝi okazis nun unuafoje dimanĉe posttagmeze. Proksimume 40 membroj kunsidis ĉirkaŭ la allogaj tabloj en restoracio « Roi Albert ». Komencinte je 17 h., do 3 horojn pli frue ol kutime, la festo finiĝis ne pli frue ol en antaŭaj jaroj. La dancparto daŭris multe pli longe, kaj tio estas la kaŭzo, pro kiu multaj partoprenintoj jam esprimis la deziron okazigi ankaŭ la estontajn festenojn dimanĉe posttagmeze. Ĝi estis sukcesa festo. Je la deserto, la prezidanto toastis al la reĝo, al kiu telegramo estis sendata, kaj al ĉiuj kunlaborintoj en la agado de la grupo dum la pasinta jaro. Telegramo de kunsento ankaŭ estis sendata al S-ro E. De Coster, kiu ĵus perdis sian karan patrinon. — La kantado de la 10a, la anekdotoj de la 17a kaj la vortludoj de la 24a, estis tiom da okazoj por la membroj por bone amuziĝi.

La parolatan gazeton merite faris sinsekve S-ro Fr. Delava, S-ro kaj S-ino J. Masson kaj S-ino Schoofs. Ĉi tiu sin trovis antaŭ la tasko raporti pri la akcidenta morto de la reĝo Alberto I, pri la entombigaj ceremonioj kaj pri la surtronigo de nia nova reĝo Leopoldo III. Ŝi detale plenumis tiun taskon: dum preskaŭ unu horo la ĉeestantoj revivis ĉiujn okazintaĵojn, kiuj skuis nian landon dum la ĵus pasinta semajno, kaj kiujn ŝi sukcesis prezenti en ilia vera atmosfero.

Notinda okazintaĵo estas, ke la klopodoj de nia prezidanto, S-ro Fr. Schoofs, rezultigis publikigon de Esperanto-kurso en nov-aperinta radio-ĵurnalo « Magazine Radio Antwerpen ». La estraro de la Antverpena sendstacio ankaŭ jam promesis laŭeblan disaŭdigon de informoj pri tiu kurso. Tasko de la Verdstelanoj estos nun skribi al la stacio por danki kaj peti Esperanto-disaŭdigojn. (Adreso Radio Antwerpen, Bexstraat, 7, Antverpeno).

En la kunveno de la 24a de Februaro, la prezidanto S-ro Schoofs antaŭ staranta ĉeestantaro per kelkaj elkoraj vortoj anoncis la morton de reĝo Alberto I kaj legis la telegramon, kiun li tuj post ekscio de la terura novaĵo, la 18an sendis al la funebranta reĝino :

*Sia Reĝina Moŝto Elizabeto*
*Bruselo.*

*La Reĝa Esperanto-grupo de Antverpeno « La Verda Stela » petas vin, akcepti la esprimon de ĝia plej profunde sentitaj kondolencoj en la doloriga perdo, kiu trafas vin kaj la reĝan familion en la persono de via noblega edzo, nia tre amata reĝo Alberto, pri kies morto ni, kun nia tuta popolo, ploras.*
*La Prezidanto, Frans Schoofs.*

LIEĜO. — **Grupoj de Chênée, Lieĝo kaj Sclessin. — Societo Lieĝa por la propagando de Esperanto.** — La unua duono de la monato estis dediĉata al la kutimaj kunvenoj de la grupoj, dum kiuj bonaj ekzercoj daŭris esti farataj. Tamen nenio eksterordinara estas notinda. De la 18a pro la bedaŭrata morto de nia kara Reĝo, haltis ĝis fino de Februaro la vivado de niaj organismoj. — La kunvenoj rekomenciĝos en la unuaj tagoj de Marto.

## Nekrologo

La 4an de Februaro mortis S-ino **Anna M. Loots**, vidvino de Leon De Coster, patrino de S-ro Edgard De Coster, Administranto-kasisto de la Reĝa Esperanto-grupo de Antverpeno « La Verda Stelo ». Al nia bona amiko ni prezentas niajn plej korajn kondolencojn.

D-ro **Leono Zamenhof**, frato de la kreinto de Esperanto, mortis en Varsovio la 7an de Februaro. Li ankaŭ estis inter la unuaj adeptoj kaj propagandistoj de nia lingvo, en kiu li jam frue produktis literaturan laboron, tradukante en ĝin diversajn polajn verkojn. La mortinto estis ano de la Lingva komitato, kaj daŭre okupis sin pri nia movado. Li estis enterigata la 9an de Februaro apud lia frato Felikso kiu forlasis nin antaŭ apenaŭ kelkaj semajnoj. Ni sendas nian emocioplenan senton de simpatio kaj niajn plej korajn kondolencojn al la vidvino, al la du filinoj kaj al la aliaj parencoj de Leono Zamenhof.

La 13an de Februaro mortis S-ro **Louis G. Deschamps**, Direktoro de la fama antverpena teatro « Pulĉinela Kelo », kie ĉiujare niaj samideanoj el la Skeld-urbo ĉerpis iom da folklora humoro. Al la familio de la mortinto ni prezentas niajn sincerajn kunsentojn.

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

*Ĉiu sabata kunveno komenciĝas je la 20 h. 30 per kvaronhoro da lingvaj ekzercoj; alia duonhoro estas dediĉata al parolata ĵurnalo, kiun prezentas ĉiufoje alia membro.*

*8 Marto:* Malfermo de nova kurso, en la Urba Instituto, Belgiëlei 99. Gvidos S-ro H. Sielens.

*10 Marto:* Karnavalbalo en salono « De Witte Leeuw ». La membroj estas insiste petataj veni al tiu balo kostumitaj kaj maskitaj. Estos surprizoj kaj premioj.

*14 Marto:* Kunveno de la Ĝenerala Estraro de la Grupo (Administrantoj kaj Komisaroj), en la sidejo, Kl. Hondstraat, 11, je 20 h. 30.

*17 Marto:* Disdono de diplomoj kaj premioj al la lernintoj de la kursoj de S-roj H. Vermuyten kaj H. Boffejon.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiujaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

**Esperantista Informejo**, gvidata de nia malnova samideano Luis E. Sepúlveda Cuadra, funkcias en Santiago de Chile; adreso: Calle Washington, 1198. Ĝia celo estas, doni ĉiujn informojn pri Ĉilio: komerco, industrio, artoj, sciencoj, k.t.p., tute senpage, nur kontraŭ repago de la elspezoj.

## Diversaj Informoj.

La **Internacia Kriminalpolica komisio**, dum sia lasta kunveno, kiu okazis fine de septembro en Wien, ekkonante la valoron de internacia lingvo por la polico, decidis starigi la demandon pri internacia lingvo sur la proksima tagordo.

**Estona Turista Unuiĝo**, kies sidejo estas: Rüütli 2, Tallinn, havas Esperantan sekcion. En sia oficiala organo «Turismi Teataja » ĝi rezervas tutan paĝon al teksto en Esperanto.

Ni ekscias ke fondiĝis Esperanta sekcio ĉe la **Pola Turing-Klubo** kaj ankaŭ ĉe la **Portugala Turing-Klubo**.

**La Lyon'a Internacia Foiro**, fidela uzanto de nia lingvo, preparas la propagandon por sia venonta kunveno (8-18 marto 1934). Ĝi eldonis novajn presaĵojn en esperanto, nome: afiŝojn, 70×100 cm., sorbpaperojn, ilustritajn poŝtkartojn kaj sigelmarkojn. Post unu monato, la Lyon'a Foiro plie dissendis presitajn invitleterojn en Esperanto. Fine, la katalogo de ekspozantoj entenos, kiel kutime, esperantan tradukon de la ĉapitrotitoloj. Kolekto de tiuj presaĵoj estos sendata al komercaj firmoj, delegitoj de U.E.A. kaj esperantistaj societoj, kiuj petos ilin. Skribu al : S-ro Richard LEVIN, Propaganda Fakestro, Foiro de Lyon, rue Ménestrier, LYON.

**Jubileo.** — La « *Germana Esperanto-Librejo en Leipzig C. 1, Hospitalstrato Nr. 2* » ekzistis je la dua de Januaro 1934 DUDEKKVIN JAROJN. Posi la fondo de la Saksa Esperanto-Instituto (nuntempe: Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko) la librejo estas fondita en la metropolo de la Librokomerco por la tuta mondo de la, en Esperantujo konata pioniro samideano Bernhard Kötz (Honora membro kaj delegito de U.E.A.). La firmo sukcesis per sia rapida, akurata kaj librofakista servado kontentigi multajn literatur-aĉetantojn el la tuta mondo. Per la eldono de katalogoj kaj prospektoj ankaŭ ĉi tiu komerco-domo sendube agis propagande por la esperanto-movado. La nun aperinta special-oferto (maloftaĵoj kaj antikvaĵoj) estas interesa por ĉiu libro-amiko. Mendu ĝin.

### ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de UEA**
*Adreso: Joh. JUNGFER, Lindenstr. 10, Lübben, Germanujo.*

La listo de la radio-stacioj, kiuj regule dissendas en aŭ pri Esperanto, aperis en nia numero de Januaro. Ĉi sube ni komunikas la titolojn de kelkaj specialaj disaŭdigoj kaj kun plezuro ni estonte diskonigos al niaj legantoj la informojn, kiujn ni ricevos antaŭ la 5a de ĉiu monato.

RADIO WIEN (ĉiufoje je la 22a h.) : 7 *Marto:* Gust. Weber pri « Metioj kaj ilia akcelado en Aŭstrujo ».

*14 Marto:* Hugo Steiner pri « Kastelo Schönbrunn ».

*21 Marto:* E. G. Bernfeld pri « Printempa vekiĝo en Karintio ».

*28 Marto:* Hugo Steiner filo pri « Moderna Konstruado en Aŭstrujo ».

POLAJ RADIO-STACIOJ (ĉiufoje de la 22a ĝis la 22.10a) :

*7 Marto:* D-ro Adam Fischer: Karaktero de la pola popolo.

*21 Marto:* F-ino Sofio Zawiszanka pri « Pri Marŝalo Pilsudski ».

Ni atentigas niajn legantojn, ke la ĉiusemajna organo « RADIO-MAGAZINE ANTWERPEN » presigas la anoncon pri la disaŭdigoj Esperantaj en la komenco de siaj ĉiutagaj programoj. La numero kostas Fr. 1,75. Abono: Fr. 70,— (por membroj de la « Amikaro de la stacio Antverpeno » nur Fr. 55,—) abonojn akceptas B.E.I., Poŝtĉeko 1689.58. Subtenu tiun gazeton: ĝi ankaŭ — de sia unua numero — publikigis ampleksan Esperanto-kurson!

## BONHUMORO

BONA KONSILO. — La juna pretendema stultulo kondukis al la teatro la kompatindan fraŭlinon, kiun li amindumas. Dum la prezentado kaj malgraŭ la ripetitaj silentopetoj de la najbaroj, li ne ĉesas rakonti triumfe al ŝi tion, kio okazos en la teatraĵo. Tiam li aldiras, ankaŭ kun la sama malmodesteco : « Ĉu vi scias, kio estas miriga? Estas aŭskulti teatroludon kun okuloj fermitaj. »

Maljuna tre modeleganta sinjoro, lokita antaŭ ili, sin turnas kaj diras digne : « Ĉu vi scias, kio estas ankoraŭ pli miriga ? Estas aŭskulti teatroludon kun buŝo fermita. »

NEKONTRAŬSTAREBLA ORDONO. — La malmoderigebla babilemulo tre malfruiĝis ĉe siaj gastoj sur la kamparo. Ĉi ties motoristo estis komisiata, lin reveturigi al la stacidomo. Dumvoje la babilemulo demandas : « Ĉu vi estas certa, ke mi ne maltrafos la lastan vagonaron, amiko ? »

« Senriske sinjoro, ĉar miaj mastroj diris al mi, ke se, revenante, mi realkondukus vin,mi estus maldungata »

LA GRANDEGA BRASIKO. — Unu sinjoro diris, ke li estis vojaĝinta tra la tuta mondo, kaj ke, en la vidindaĵoj kiujn li estis rimarkinta, estis unu pri kiu neniu aŭtoro estis parolinta. Tiu mirindaĵo, laŭ li, estis brasiko tiel vasta kaj tiel alta, ke, sub ĉiu el ĝiaj folioj, kvindek armitaj kavalerianoj povus sin aranĝi por batalo.

Iu, kiu aŭskultis lin, ne amuziĝis refutante la rakonton, sed diris tre serioze, ke li ankaŭ estis vojaĝinta kaj estis irinta ĝis en Japanujo, kie li estis mirigita, vidante pli ol tri cent laboristojn, kiuj estis fabrikantaj kaldronegon, kaj cent kvindek aliajn, kiuj interne de ĝi zorgis pri ĝia polurado.

« Por kio povus utili tiel grandega kaldrono ? » diris la vojaĝisto.

« Sendube » tuj respondis la alia « estis por boligi la brasikon, pri kiu vi ĵus parolis. »

MALOFTAJ VIDINDAĴOJ — Ĉe sia alveno en urbeto, konata pro la ŝovinismo de siaj sportuloj, la arbitraciisto de piedpilkludo estas akceptata en la stacidomo de la estro de la loka ludistaro, kies hodiaŭa vetludo estas ege grava. « Joë », diras la ludestro al atleta kunulo, « jen la arbitracionto de nia hodiaŭa ludbatalo. Mi fidas je vi por vidigi al li la urbajn belaĵojn. Admirigu al li ekzemple la brikfarejon, la lageton en kiun antaŭe oni subakvigis la krimulojn, kaj ne forgesu preterpasi la tombejon. »

S.L.P.E.

---

**Peto.** — La unuan fojon okazos Esperanta ekspozicio en Palestino. Ĝi povas grave helpi nin en nia batalo por Esperanto. Ni petas la samideanojn, grupojn kaj eldonejojn sendi esperantaĵojn kaj propagandilojn al la adreso de nia delegito, P. Laĥovicki inĝeniero, Kerem, Jerusalem.

---

**G. Van den Bossche**, Boomgaardstr., 90, rue du Verger, Antverpeno, atentigas sian klientaron pri nova adreso. Petu lastan karbo-prezaron.

## BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien : poŝtĉeko n-ro 1689.58.*

*BARELULOJ KAJ FADENULOJ. Moderna fabelo por ge-(mal)junulaj, lat A. Maurois. El la franca lingvo tradukis Berno Fabo. Ilustris Jan Ermers. 104 Paĝoj. 13,5×20 cm. Prezo : hol. guld. 1.20 broŝ.*

La franclingva « Patapoufs et Filifers » estas en francparolantaj landoj bone konata porinfana libro, fantazianta ĝis la ekstremoj pri ĉiaj eblaĵoj, kiuj povas rezulti el konflikto inter dikuloj kaj maldikuloj. La akurataj, severaj, rigoraj, abstinemaj, atakemaj Fadenuloj el Fadenujo, havas civilizon kaj filozofion tute kontraŭajn al tiuj de la senzorgaj, facilanimaj, gajaj, ĝojaj, manĝemaj, pacemaj Bareluloj el Barelujo. Ĉar la du landoj estas najbaraj, milito estas neevitebla. Je tiu momento..., sed mi konstatas, ke mi preskaŭ malkaŝis al vi la plej interesan parton de la libro, kaj tiun vi mem devas legi. Bedaŭrinde, al la tradukinto mankas la necesaj sperto lingva kaj lerteco stilista por tute kontentigi la leganton. Malelegantaj vortoj kiel « turmentetema », « imitithomo », « foriranonca », kaj eraroj kiel : « neniam ne sin movas» malornamas la tradukon. La presado verŝajne okazis en Barelujo ĉar ĝi estas senzorge farita kaj precipe la esperanto-nederlandlingva traduklisto montras literojn de du specoj intermiksitaj. Entute, libro el kiu oni per iom pli da priatento estus povinta fari interesaĵon.

*ĈE LA PIEDOJ DE LA MAJSTRO de Alcyone (J. Krishnamurti). Kun permeso tradukita de W. W. Mann. Eldonis Esperantista Centra Librejo, Parizo. 61 Paĝoj. 9×14 cm. Prezo : Francaj fr. 3,— broŝ.*

La broŝuro konigas parton de la instruo de J. Krishnamurti, « la Majstro », post enkonduka vorto de Annie Besant, la posteulino de S-ino Blavatsky en la gvidado de la Teozofia skolo. Al filozofiemaj spiritoj, kiuj deziras koncize pristudi la ideojn de la konata hinda Instruanto, ĝi estos klara gvidanto.

*COURS PRATIQUE D'ESPERANTO, la langue internationale. Antaŭparolo de M. Th. Cart. Laŭ la Cours rationnel d'Esperanto. Metodo elementa kaj supera, uzebla por senprofesora studado. Dua eldono. Dek unua milo. Eldonis Esperantista Centra Librejo, Parizo, 1933. 232 Paĝoj. 12.5×19 cm.* Prezo : 15,— broŝ.

La dekunu-mila eldoncifero atestas la sukceson kiun havas tiu franclingva lernolibro. Ĝi estas tre detala kaj kompleta, eble iom tro kompleta en tiu senco ke ĝi donas kelkfoje regulojn bazitajn nur sur francaj konceptoj. Ekz. pri la formo « Franclando » (anstataŭ Francujo) estas dirate, ke la eŭfonio ĝin ne permesas, pro la literoj « cl » = tsl. Se oni foriras de tiu vidpunkto, estas arego da vortoj ne « permesitaj », kvankam uzitaj de D-ro Zamenhof jam de la unuaj tagoj de Esperanto, ekz. scienco, scii, disŝiri, ĉasaĵo, ktp. Pro la literoj « cl », ankaŭ la vorto « franclingva » kaj tiom da aliaj, ne estus permesitaj. Sed tiu kritiketo malaperas post konsidero de la grandega nombro da utilaj konsiloj troveblaj en tiu gramatiko. Ĝi estu varme rekomendita al ĉiuj francparolantaj studantoj de Esperanto.

*LA SOCIETO DE AMIKOJ (Kvakeroj) kaj ĝiaj esencaj trajtoj. Esperanta traduko de prelego de Edward Grubb, M. A. Eldono de Friends Service Council, Londono. 20 Paĝoj. 14×21 cm. Prezo : 3 pencoj.*

*LJUBLJANA en arto kaj historio. 14-paĝa faldfolio. 12×22 cm. Eldono de Putnig, Oficiala vojaĝoficejo, Pokojninski zavod, Gajeva ul. 1, Ljubljana, Jugoslavio.*

*KOMPLETA JAPANA SILABARO. 1 folio. 22×30 cm Redakcio kaj Administracio de Oomoto Internacia. Kameoka, Kioto-hu, Japanujo.*

*KUNLABORO. Simbola ludo pri paco kaj Esperanto. Vivrenovigo kaj Junularo de Walter Mudrak Wien. Eldonis la Juna Batalanto, Köln-Dellbruck, Germanujo. 4 Paĝ. 16×23 cm. Prezo : Rm. 0.10.*

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Kleine Hondstraat 11, ANTVERPENO.